

BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO




*106-a jaro*
*N-ro 347*
*Decembro 2013*

# La kvar ĉefideoj de karceruloj

Cícero Soares: Manifesto
Francisco Wechsler: Sinonimludo
Paulo Viana: Mia Couto premiita
Caio F. Abreu: La strigoj
Paulo Nascentes: Kvar poemoj

Brazila Esperantisto
Nacia kaj Internacia Kulturo
N-ro 347 • Decembro 2013 • 106-a Jaro

# Enhavo






**Rondirantaj Karceruloj**
Vincent Van Gogh (1890)

*Ni devas fariĝi movado, kiu edukas homojn en tutmonda skalo pri la profunda rolo de la homaj lingvoj en la atingo de justeco socia, ekonomia, kaj eĉ ekologia.*

Mark Fettes

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spac-limigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*, de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

# Enkonduko



Estimataj gelegantoj:

Nia jarfina numero prezentas riĉan kolekton de artikoloj, beletraĵoj kaj amuzaĵoj. La serion komencas pensiga artikolo de Cícero Soares pri la simileco inter nia movado kaj movadoj, kiuj disvastigas etikajn valorojn kaj vivsimplecon.

Sekvas la malĝojiga, sed necesa sekcio de nekrologoj. En la dua semestro de 2013 bedaŭrinde forpasis tri konataj kaj aktivaj samideanoj, kaj per kelkaj linioj ni klopodas omaĝi ilin kaj memorigi ilian agadon al la pli novaj generacioj.

Karina Oliveira, en la sekcio pri junularo, raportas sian kurantan sperton partopreni kurson por instruistoj de Esperanto, okazantan ĉe la Universitato Adam Mickiewicz, en Poznano, Polujo. Esperinde pluraj junuloj (kaj eĉ maljunuloj!) sekvos ŝian ekzemplon, por ke la instrunivelo de nia lingvo en Brazilo plialtiĝu.

Sekve vi povos legi artikolon de Francisco S. Wechsler pri la diferencoj — ofte subtilaj — inter kvar verboj: *provi*, *klopodi*, *peni* kaj *strebi*. Ĉu vi scias, kiel distingi unu disde la aliaj? Ĉu vi scias, kiel uzi ilin? Nu, eĉ niaj plej respektataj vortaroj ne plene akordas pri tiuj ĉi demandoj.

Paulo S. Viana verkis artikolon pri Mozambika verkisto Mia Couto, antaŭnelonge premiitan en Usono. Ĉu vi jam legis liajn verkojn? Bone estus, se almenaŭ unu el ili aperus Esperantlingve.

Ĉu vi jam aŭdis pri la ĵurnalisto kaj verkisto João do Rio? Li estis tre populara dum la du unuaj jardekoj de la pasinta jarcento, sed nuntempe malmultaj konas lin. Tamen li verkis gravan serion de artikoloj, interalie pri la stratoj de Rio, el kiu Francisco S. Wechsler elektis kaj tradukis tre interesan pecon pri la Publika Arestejo de Rio. Vi rimarkos plurajn similaĵojn inter la tiama kaj la nuna situacio de arestitoj.

Multe pli moderna, sed ankaŭ jam mortinta, estas Caio Fernando Abreu, ĵurnalisto, teatraĵisto kaj aŭtoro de pluraj rakontkolektoj. Fernando Pita elektis kaj tradukis unu lian rakonton el lia junula fazo. La stilo de Caio ne estas simpla, sed ja penindas legi tiun verkon.

Paulo Nascentes regalas nin per kvar poemoj liaj, elektitaj el multaj aliaj troveblaj ĉe lia hejmpaĝo. La poeta vervo de Paulo konstantas, kaj li oftege prezentas novajn fruktojn de sia senĉesa beletra aktivado.

Ĉar ankaŭ ridi devas esperantistoj — eĉ se pri mem — ni denove prezentas, en la amuz-sekcio, serion da komikaj anekdotoj, kiuj certe ridigos vin senskandale.

Fine, nia 96-jara samideano José Saraiva Neto regalas nin per unu plia kriptogramo, kiu taŭgos por distri nin kaj samtempe senrustigi niajn cerbojn.

Prosperan novjaron kaj ĝuplenan legadon deziras

La ĉefredaktisto

**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
106-a jaro, Decembro 2013, N-ro 347

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Cícero G. Soares, Fernando Pita, Francisco S. Wechsler, José Saraiva Neto, Karina Oliveira kaj Paulo S. Viana

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto:** Evandro Avellar
**Financdirektisto:** Maria Barcellos **Kasisto:** Sandro M. Alves
**1-a Sekretario:** Euripedes Barbosa **2-a Sekretario:** Emilio Cid
**3-a Sekretario:** Francisco Mattos

**Kontrola Konsilantaro**
Guilherme Jardim , Josias Barboza, Paulo Nascentes, Aymoré Vaz Pinto, James Piton kaj Ana Rosario Koide Kamey de Oliveira

**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto:** Márcio Santos Nascimento
**Komitatano-A:** Rafael Zerbetto
**Ĉefdelegito de UEA**: James Rezende Piton

# Manifesto

Cicero Gabriel Soares

Bonkvalita brazila monata magazino, *Vida Simples* (Simpla Vivo), eldonata de Abril Cultural, aperigis lastnumere tre interesan manifeston, kiu ankaŭ taŭgas por nia movado.

Ĝi asertas, ke la laborgrupo kredas je tio, kion ĝi faras. Kaj same ili kredas, ke kredi gravas. Des pli grave pro nia mondo tiel malsata de pasio, de sindono, tiel fiksita al supraĵo. Mankas vero al ĉi tiu mondo, ili diras. Feliĉe ekzistas laborantoj celantaj ŝanĝi tion. Ni, esperantistoj, estas ekzemploj de tiaj aktivuloj. Tial, ni povus senpudore pastiĉi ilian manifeston, malmulte ĝin ŝanĝante:



**Ni kredas je simpleco.**

Esperanto estas majstra verko pri simpleco. En ĝi ĉio fluas, ĉio kombiniĝas, vokaloj klaraj, finaĵoj inteligentaj, regule kaj simple.

**Ni kredas je sistemo de produktado pli pura, kun malpli da malŝparo.**

Perdigi milionojn ĉiujare pro la malinteligenta neceso studi, kaj traduki, kaj multobligi paperon kaj tempon — estas malŝparo. Nia proponata solvo estas verda, ekologie verda!

**Ni kredas je renovigaj ideoj.**

Ne je stultaj novaĵoj, ne je la novo pro la novo. Sed pri la novaĵo kiu helpas repensi logikojn, ŝanĝi kadukajn strategiojn. Ideojn, kiuj eble estas simplaj, sed kiuj helpas krei pli bonan mondon. Nia lingvo estas tia, nova. Kiom longe ĝi bezonos kontraŭstari malnovajn logikojn kaj kadukajn missolvojn?

**Ni kredas je pli etikaj interrilatoj.**

"Ni konsciu bone la tutan gravecon de la hodiaŭa tago, ĉar hodiaŭ inter la gastamaj muroj de Bulonjo-sur-Maro kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj."

**Ni kredas je valoroj kaj virtoj.**

"Estu la ŝanĝo kiun vi volas vidi en la mondo", diris Gandhi. La frazo iom ŝabloniĝis, sed ĝi esprimas nian ĝeneralan internan emon: esti pli bonaj uloj, kaj alporti valoran kaj virtan bonon al la socio.

Resume, ni kredas. Ni kredas je la homo, je la socia progreso, je pli bona mondo. Kaj ni ne kontentiĝas je plendemo kaj stagno, sed jes ja ni kuspas la manikojn kaj ebligas ŝanĝojn. Pro tio ĉi tiu manifesto de *Vida Simples* ne povus esti pli taŭga por ni.

> *Kiu parolas Esperante, tiu kreas grandan parton de siaj esprimoj uzante libere la ekzistantajn rimedojn kaj interalie la vivantajn sufiksojn kaj prefiksojn. Li penas malpli memori kaj elekti, ol krei kaj priskribi. […] Tiu priskriba libereco donas al la lingvo travideblecon, kiu ĝin igas aparte taûga kiel tradukilo, ebligante alformiĝon pli proksiman al originala teksto ol tion kapablus pli rigida lingvo.*
>
> *Edmond Privat*

# Forpasoj

## Hamilton Nery dos Santos (1928–2013)



Post suferiga malsanado, forpasis la 24-an de Septembro, en Recifo, s-ano Hamilton Nery dos Santos, emerita asekuristo. Li naskiĝis la 14-an de Oktobro, 1928. Li estis elstara esperantisto, kaj unu el la plej distingaj mejloŝtonoj de lia agado estis la aĉeto, en 1994, de propra sidejo por Pernambuka Esperanto-Asocio (PEA), dum lia prezidanteco. Li estis ankaŭ kasisto de PEA plurajn jarojn kaj faka delegito de UEA pri asekuro. La 21-an de aprilo 2013, Hamilton ricevis la premion *Methódio Maranhão* pro la disvastigado de Esperanto en la ŝtato Pernambuko. Hamilton loĝis en la urbo Anapolo, Gojaso, dum kelka tempo. Samideano Wendel Teles Pontes, el Recife, partoprenis la funebraĵon kaj paroladis nome de PEA. Pri Hamilton, Advalk Paulo Ferreira skribis la jenon: "Unu el miaj inspiroj en Esperanto estis tiu granda homo. Bedaŭrinde multaj E-junuloj ne plu povos babili kun li kaj senti la tutan energion kiun li emanigis, senti la vivovervon kaj trankvilecon, kiujn nur la tempo portas al la homoj".

## George Otto Vaske (1923–2013)



Otto naskiĝis la 10-an de Marto 1923, en Rio-Negrinjo, ŝtato Suda-Riogrando, kaj lernis Esperanton ĉe Fondaĵo Getúlio Vargas. Post duagrada lernado li fariĝis elektroteknisto, servis en la armeo kaj ellernis radiotelegrafion. En 1951, George fariĝis aviadisto, kaj pilotis plurajn modelojn, ekde la F-13 ĝis la ĵeto *Caravelle*. Li emeritiĝis en 1968. Kune kun Carlos Dionísio li starigis la eventon *Verda Kafo*, en Portalegro. Ĝi okazis la lastan sabaton de ĉiu monato kaj arigis esperantistojn por neformala babilado kaj por trinki kafon, teon, bieron aŭ vinon. Otto estis Delegito faj Faka Delegito de UEA pri radio-amatorismo. Li loĝis ĉe la strato *Esperanto* en la urbo San-Sebastiano-de-Kaio, Sankta-Katarino. Li batalis ĉi-cele ĉe la Urbodomo, kaj la autoritatuloj nomis la straton *Esperanto*. Li mortis la 16-an de Septembro, 2013.

## Maria Conceição de Souza (1915–2013)

Ŝi naskiĝis en Seranopolo, Gojaso, en Decembro 1915, kajforpasis la 13-an de Aŭgusto en Braziljo. Ŝi interesiĝis pri Esperanto leginte en la revuo *Reformador* poemon titolitan *Esperanto*, verkitan transmonde de la fama brazila poeto Castro Alves. Komence de la 1960-aj jaroj, Maria Conceição lernis la lingvon pere de radioprogramoj elsendataj de *Rádio Mundial*, el Rio de Janeiro. En 1962 ŝi instruis Esperanton en la urbo Ĵataio, Gojaso, al 42 gelernantoj. En la sekvanta jaro, ŝi kunfondis la organizaĵon Ĵataia-Esperanto-Asocio. Maria Conceição translokiĝis al Braziljo en 1969, kiam ŝi instruis Esperanton en la Spiritisma Domo *André Luiz*. Poste ŝi instruis nian lingvon ĉe la institucio *FREL Milícia Fraterna*, situanta en Tagvatingo. Ŝi instruis Esperanton al Francisco Mattos, Ciro Gomes de Freitas kaj Néia Lúcia Souza, kiuj estas aktivaj esperantistoj en nia lando. Maria Conceição apartenis al la Komunista Partio kaj tial estis arestita en 1964. Ŝi lernis 5 lingvojn: la portugalan, rusan, francan, hispanan kaj Esperanton. Kurioza afero: Maria Conceição lernis la rusan lingvon dum korespondado kun rusa esperantisto. Ŝi havis 11 gefilojn.



# BEJO-novaĵoj

## Karina Oliveira



Kiam mi eklernis esperanton, en 2008, neniam mi povus imagi, ke iam mi vere vojaĝus eksterlanden, uzante tiun tute novan lingvon por komunikiĝi. Krome, komence mi pensis, ke eble, tiu afero estus nur por riĉaj personoj, ĉar internacia vojaĝo multekostas; kaj por knabino, kiu estis tiam en la lasta jaro de la mezlernejo, tiu opcio ne ekzistis.

En 2011, kiam mi vere esperantistiĝis (post iom da tempo sen studi Esperanton), mi ja decidis, ke tiu lingvo nekonata de la ĝenerala socio estus por mi ia idealo, ia kialo por daŭre studi kaj disvastigi ĝin.

Kaj jen, en Januaro de 2013, mi konatiĝis kun BEJO-anoj en Baradogarco, kaj ekis en mi la volo vojaĝi al alia lando por studi, ili komencis montri al mi ke, kvankam mi ne havas sufiĉajn financajn rimedojn, ili povus helpi min. La rezulto estis, ke, en Septembro de 2013, unuafoje en mia vivo mi eliris el Brazilo, al Poznano, Pollando, por partopreni trejnadon por instruistoj de Esperanto. Kaj mi ricevis tiun apogon de BEJO, ĉar ekde la pasinta jaro (2012) mi instruas esperanton en oficiala kurso ĉe la Universitato de Sanpaŭlo (USP), kie mi studas la portugalan lingvon kaj lingvistikon ekde 2009. La kurso apartenas al la Centro de Lingvoj de la Fakultato pri Filozofio, Beletro kaj Homaj Sciencoj, unu el la plej antikvaj de USP. Ĝi estas kontraŭpaga, sed tre malmultekosta por la universitatanoj.

Dum unu semajno mi sekvis lecionojn en la Universitato Adam Mickiewicz, sub la gvido de Ilona Koutny, Katalin Kováts (la ĉefa respondeculino pri la trejnado) kaj István Ertl. Estis intensa semajna studado, enhavanta lecionojn ekde la 9-a ĝis la 18-a. Februare kaj Septembre venontjare ni (estis ĉirkaŭ 12 partoprenantoj) denove devos iri tien, por sekvi aliajn lecionojn, fari ekzamenojn, kaj finfine prezenti finlaboraĵon pri la kurso. Hejme, ni devas daŭre prilabori taskojn, legi tekstojn, fari interretajn ekzamenojn por akompani la kurson. Resume, la laboro estas daŭra kaj ne tiom facila. Sed mi feliĉas, ĉar tio multe helpas min pretigi la lecionojn al miaj esperantaj lernantoj en USP, kaj mi scias, ke tio estos grava sperto por mia tuta vivo.

Rimarkinda afero estas, ke mi sukcesis fari tiun vojaĝon nur danke al la fonduso kreita de BEJO, nomata "Apoga Fonduso al la Junulo en Poznano", al kiu esperantistoj donacis(as) monon por helpi junulojn partopreni tiun kurson (kaj eble partopreni la trijaran postdiplomiĝan kurson pri lingvistiko, kies venonta grupo komenciĝos en Septembro 2014).

Aparte mi volas danki al Fernando Maia Jr., kasisto de BEJO, kiu vere konvinkis min partopreni tiun kurson, kaj, krome kaj pli grave, montris al mi ke tio eblus. Komence mi ne kredis la eblecon vojaĝi eksterlanden por plispertiĝi pri Esperantaj aferoj… Mi ankaŭ dankas al EASP (Esperanto-Asocio de Sanpaŭlo), kiu donacis al mi R$500,00 por helpi min pri la ĉiutagaj bezonaĵoj en Poznano; kaj precipe al José Roberto Tenório[6], mia unua esperanta instruisto, kaj instruisto por la tuta vivo, kiu daŭre apogas min, instruas min, kaj montras al mi, ke dediĉi sin al esperanto valoras la penon! Kaj, kompreneble, mi dankas al ĉiuj, kiuj donacis monon al la Poznana Fonduso. Mia vojaĝo estis (kaj estos, ĉar mi ankoraŭ devas reveni dufoje tien) ebla danke al vi!

# Sinonimludo

## Francisco Stefano Wechsler

Per tiu ĉi artikolo mi intencas pritrakti interesan grupon de parencaj verboj: *provi*, *klopodi*, *peni* kaj *strebi*. Ĉiujn kvar oni uzas kun diversaj signifoj, el kiuj kelkaj ne estas komunaj al la kvar verboj, dum aliaj ja estas. La diferencoj inter la komunaj signifoj estas plejparte nuancaj, kaj do meritos nian apartan atenton.

La sekva diskuto baziĝas sur la origina *Universala Vortaro* de la *Fundamento de Esperanto* (1905) kaj sur kvar respektataj vortaroj de nia lingvo: *Vortaro de Esperanto*, de Kabe (1911)[1]; *Plena Vortaro de Esperanto* (PV), de Grosjean-Maupin, Esselin, Grenkamp-Kornfeld kaj Waringhien (1934); *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (PIV), ĉefredaktita de Waringhien (1970); kaj ĉi ties dua eldono (NPIV), ĉefredaktita de Duc Doninaz (2005). Mi aldone konsultis la paĝaron de *Reta Vortaro* (ReVo) (`http://www.reta-vortaro.de/revo/`) kaj de la *Tekstaro de Esperanto* (`http://tekstaro.com`), de Wennergren. La leganto tamen estu avertita, ke pri la interpretoj de tiuj fontoj kaj pri la koncernaj konkludoj respondecas sole nur mi mem.

La radikoj *prov-*, *klopod-* kaj *pen-* enestas la originan Universalan Vortaron. Tiu ĉi verko bedaŭrinde ne uzas difinojn — la metodo plej taŭga, tamen ankoraŭ neuzebla dum la estiĝo de Esperanto —, nur tradukojn en kvin lingvoj: angla, franca, germana, pola kaj rusa; krome, ofte la tradukoj ne precize kongruas inter la lingvoj. Kompare, la radikon *streb-* la tiama Lingva Komitato (anstataŭigota de la nuntempa Akademio) oficialigis per sia sesa aldono (1935) kaj ja difinis ĝin.

Ni unue trarigardu la tradukojn de *prov-*, *klopod-* kaj *pen-* troveblajn en la Fundamento:

**prov'**: essayer | attempt, trial | versuchen, probiren | пробовать | próbować

**klopod'**: se donner de la peine | endeavour | sich Mühe geben | хлопотать | kłopotać się

**pen'**: tâcher, s'efforcer de | endeavour | sich bemühen | стараться | starać się

La vortaro de Kabe donas la jenajn difinojn (pro spacomanko mi forigis ĉiujn ekzemplojn:

**Provi.** – 1. Uzi, apliki, por kontroli, ĉu io estas taŭga – 2. Peni fari ion, por konvinkiĝi, ĉu oni povos, scios tion fari. **Provo**. Ago de tiu, kiu provas. **Provinda**. Kiu meritas esti provata.

**Klopodi**. Peni sukcesigi, realigi entreprenon. **Klopodo**. Ago de tiu, kiu klopodas.

**Peno.** Energia ago de la korpo aŭ de l' spirito. **Peni**. Streĉi la korpajn aŭ spiritajn fortojn. **Pene**. Kun peno. **Senpene**. Sen peno.

(Difinon pri *streb-* tiu vortaro ne donas, verŝajne ĉar tiam tiu radiko apenaŭ ekzistis. Ankaŭ notu, ke Kabe ne ĉiam respektis la nun oficiale agnoskatan principon pri gramatika kategorieco de la radikoj. Ekzemple, moderna vortaro difinus kiel kapvorton la verban formon kaj derivus la ceterajn difinojn el ĝi, kio ne okazis ĉe *peno.*)

Iel ajn, koncerne ambaŭ difinojn de *provi*, evidentiĝas unu centra elemento, nome, la nescio aŭ necerteco pri la kvalitoj aŭ apartaĵoj de la aĵo aŭ ago provata. Jen miaopinie la ŝlosilo por klare kompreni la signifojn de ĉi tiu verbo.

Koncerne la diferencojn inter *klopodi* kaj *peni*, laŭ Kabe la ĉefa elemento estas la ĉeesto de fortostreĉo en *peni* kaj, aldone, la ĉeesto de celo realigenda en *klopodi*. Do, laŭ li klopodo estas efektive speciala formo de peno.

Ĉu la difinoj de Kabe akordas kun tiuj troveblaj en la postaj vortaroj? Jen la difinoj de PV Vortaro:

**Provi**. **1** Apliki objekton al ĝia destino por kontroli, ĉu ĝi taŭgas. Kp UZI, EKSPERIMENTI. **2** Elmeti substancon al eksperimento, por taksi ĝian valoron. **3** Peni fari ion, kion oni ne ankoraŭ faris. […]

**Klopodi** Uzi sian kapablon k energion por efektivigi ion per ĉiuspecaj provoj. **~o.** Zorga kaj pena agado por realigi entreprenon k venki eblajn kontraŭaĵojn. **2** Maltrankviliga prizorgo, maltrankviletigo. **~a** Peniga, zorga. […]

**Peni** Energie kaj lacige streĉi siajn fortojn por atingi rezultaton. **~o** Energia kaj laciga streĉo de ĉiuj fortoj al iu celo. […]

Ni povas rimarki, ke, kvankam la difinoj de *provi* estas pli detalaj, ili esence ne diferencas disde tiuj

donitaj de Kabe. Koncerne la diferencon inter *klopodi* kaj *peni*, PlenaVortaro ne plene akordas kun Kabe. Laŭ mi en ties difinoj ekzistas du ĉefaj elementoj por distingi unu verbon disde la alia: 1. en *klopodi* ekzistas ideo pri venko de baroj al la atingo aŭ efektivigo de celo per ĉiuj eblaj rimedoj; 2. en *peni* ĉeestas ideo pri lacigo. Fakte, kiam oni nuntempe diras *peniga laboro*, venas en la kapon ideoj pri fortostreĉo kaj lacigo.

Kiel difinas PIV tiun tri verbojn? La du unuajn difinojn de *provi* ĝi ne ŝanĝis. La trian ĝi iomete modifis: peni fari ion, kion oni antaŭe neniam ĝisfine faris. Kaj ĝi aldonas kvaran difinon: meti personon en malfacilajn kondiĉojn, ke oni vidu, ĉu ĝi estas tia, kia oni ĝin kredis. Efektive, ĉi-lasta difino rilatas al la unua. Do esence neniu granda novaĵo ĉi tie.

Koncerne la verbon *klopodi*, PIV donas la jenajn difinojn:

**1** Maltrankvile aŭ ekscitiĝe zorgi. **2.** Fari la necesajn penojn, elpaŝojn, vizitojn ktp, por atingi ion, sukcesigi entreprenon.

Kompare al la teksto de PV, tiuj ĉi difinoj estas pli detalaj klaraj, sed esence diras la samon. Do denove neniu vera novaĵo ĉi tie.

Kaj kion diras PIV pri *peni*? Ĉi ties difino estas iomete malsama ol tiu de PV: streĉi la korpajn aŭ spiritajn fortojn, por atingi rezulton. (Rimarku, ke PIV forigis el sia difino la ideon pri lacigo.)

La difinoj de NPIV pri tiuj tri verboj estas precize la samaj, kiel tiuj de PIV.

Ni iru nun al ReVo. La verbon *provi* ĝi difinas jene:

1. Apliki objekton al ĝia destino, por kontroli, ĉu ĝi taŭgas, ĉu ĝi plaĉas.

2. Elmeti al pritaksado de la valoro: a) (malofte) elmeti substancon al eksperimento, por kontroli ĝian valoron; b) (figure) kontroli la valoron de io; c) (figure) Elmeti iun al severa esplorado de liaj konoj, kapabloj, fido, fideleco, obeemo ktp.

3. Peni fari ion malgraŭ necerta sukceso, ekzempro tio, ke oni antaŭe neniam ĝin faris ĝisfine […]

La difinoj kaj ekzemploj de ReVo estas pli klaraj kaj detalaj, sed esence ili plene akordas kun tiuj de PIV/NPIV.

Por *klopodi*, ReVo donas la saman difinon de PV. Kaj ĝi aldonas la jenan klarigon: *celi*, *okupiĝi*, *klopodi*, *zorgi* estas sencoparencaj, sed *celi* insistas pri la deziro al la atingotaĵo, *klopodi* pri la eksteraj agoj, paŝoj kaj provoj necesaj por sukcesi, *okupiĝi* pri la streĉo de la atento kaj la absorbiĝo de la spirito, *zorgi* pri la maltrankvileta atento kaj la prirespondeco koncerne la farotaĵon.

Ankaŭ por *peni* ReVo uzas la difinon de PV. Kaj ĝi aldonas: *peni* pli atentigas pri streĉo kaj laciĝo, *labori* pri celo kaj rezulto.

Fine ni venis al *strebi*. Ĉiuj kvar vortaroj donas la jenan (oficialan) difinon por ĝi: energie streĉi la fortojn de la korpo aŭ de la spirito por atingi iun celon. Rimarku, ke ĉi tiu difino similas al tiu de *peni* laŭ PV (krom la ideo pri lacigo, kiun ĝi ne posedas). Ĝi tamen esence egalas al la difino de PIV/NPIV. Jen la dilemo: se akcepti la ĉi-lastan referenco-paron, *strebi* fariĝas superflua.

Malgraŭe, laŭ mia interpreto ekzistas en *strebi* kroma elemento de movo al difinita celo, almenaŭ en kelkaj ekzemploj Zamenhof-aj: *kvankam mi estas nur malriĉa ŝuista submajstro, mi povas ja fariĝi majstro, mi laboros kaj mi strebos antaŭen! nur al la bono kaj vero mi strebas, per ili mi defendos la belon; kaj ili faris interligon, ke ili strebados al la Eternulo, Dio de iliaj patroj, per sia tuta koro kaj per sia tuta animo; kaj la rememoro de la maljuna avo kuris antaŭen antaŭ la ŝvebanta flamo, ĉar li sciis, al kiu celo la flamo strebis.*

Verŝajne pro tiu ĉi nuanco, ReVo aldonis duan, matematikan difinon, nome senlime proksimiĝi: *la funkcio logaritmo strebas al malfinio, kiam ĝia argumento strebas al nulo.* Ne malfacilas rimarki la komunecon inter la tradicia kaj la faka difinoj.

Mi nun venas, miariske, al kelkaj konkludoj kaj rekomendoj. Se vi deziras emfazi, ke mankas plena scio aŭ sperto pri tasko aŭ ago plenumota, uzu *provi*. Se vi deziras esprimi, ke oni esploros la kvaliton aŭ valoron de io aŭ iu, ankaŭ uzu *provi*. Se vi deziras emfazi la procedojn necesajn por atingi celon, uzu *klopodi*. Se vi deziras esprimi, ke oni uzas penigan fortostreĉon por atingi celon, uzu *peni*. Kaj se temas pri mensa kaj korpa streĉo por atingo kaj moviĝo al difinita celo, sed ne nepre kun laciĝo, uzu *strebi*. Kompreneble vi ofte hezitos inter ili, ĉar la diferencoj estas subtilaj. Esperanto estas relative preciza lingvo, kaj ĉi tiu kvalito kelkfoje fariĝas kaprompilo…

[1]Mi dankas s-ron Bernhard Pabst, kiu kompleze sendis al mi skanitan kopion de tiu malfacile havebla verko.

# Mia Couto premiita

## Paulo Sergio Viana

Ĉu literaturaj premioj havas valoron, laŭ pure kultura vidpunkto? Kiuj kriterioj estas uzataj por tiaj premioj? Ĉu tiaj premioj prezentas kaŝitajn politikajn interesojn? Ĉu eblas aserti, ke efektive la plej bonaj aŭtoroj ricevas la koncernajn premiojn? Jen mi prezentas malfacile respondeblajn demandojn. Tamen, oni ne rajtas dubi, ke ĉiujare, kiam oni anoncas la Nobel-premiitojn, la tuta mondo malkvietiĝas kaj la eldonejoj kaj librovendejoj febre rapidas liveri al la publiko novajn eldonaĵojn de la nova famulo. Kaj se temas pri reprezentanto de lando aŭ lingvo "negravaj", kun koloroj de ekzotikeco, tiam la scivolemo multobliĝas. En tiuj okazoj, ne mankas komentoj, ke la premioj helpas la disvastigon de malgrandaj kulturoj. Eble tio estas vera, almenaŭ parte.



La mozambika verkisto Mia Couto (kompleta nomo: António Emílio Leite Couto[1]) ĵus ricevis gravan literaturan premion. La informo ne furoris en la gazetaro, sed la premio estas sufiĉe prestiĝa: la Universitato de Oklahomo, en Usono, ĉiun duan jaron atribuas la Internacian Premion Neustadt[2], kiun oni konsideras la usona Nobel-premio. Ĝian gravecon oni povus taksi per la fakto, ke antaŭaj premiitoj (Pablo Neruda, Gabriel García Márquez, Orhan Pamuk, Mo Yan kaj Alice Munro[3]) poste ricevis ankaŭ la Nobel-an. Ĉu Mia Couto estas survoje?




La fakto estas, ke la literatura kariero de tiu mozambika biologiisto pli kaj pli firmiĝas. Li jam ricevis ankaŭ la Premion Camões[4] – la plej gravan en la portugala lingvo. Li verŝajne tion meritas. Li estas 58-jara, engaĝita en movado por protektado de la naturo kaj havas jam vastan verkaron en prozo kaj poezio. Lia stilo estas moderna kaj kreema, forte ligita al afrikaj tradicioj. Se la sveda akademio iam decidos por li, tiam li estos la dua portugallingva aŭtoro ricevinta tiun gloron. La unua estis José[5] Saramago.

Interese, ke kiam Mia Couto ricevis la menciitan premion, li deklaris, ke ĝi estas grava pro la atentigo al la publiko pri lingvo, kiu ne estas la angla. Por kontribui al tiu interesiĝo, jen mi aldonas du citaĵojn de la afrika aŭtoro:

"Bona afero ĉe vojo estas tio, ke eblas reveni. / Pri irado senrevena / Sufiĉas la tempo."

"Plej granda katastrofo en malriĉa nacio estas, ke anstataŭ produkti riĉaĵojn, ĝi produktas riĉulojn."




[1][anTONjo eMILjo LEJte KOŬto].
[2][NOJŝtat].
[3][gabriEL garSIA MARkes], [orHAN paMUK], [mo jen], [Alis MANro].
[4][kaMOJNS].
[5][ĵoZE].

*Klopodi pri ĉies favoro estas pleje malsaĝa laboro.*

*L. L. Zamenhof*

# La kvar ĉefideoj de karceruloj

## João do Rio

### Komentarioj de la tradukinto

Hodiaŭ pli-malpli forgesita, João do Rio tamen estis siatempe prestiĝa ĵurnalisto kaj ano de la Brazila Akademio pri Beletro. João do Rio (Johano el Rio) estis la plumnomo de João Paulo Alberto Coelho Barreto[1], kiu naskiĝis en Rio, la tiama ĉefurbo de Brazilo, la 5-an de Aŭgusto de 1881.

Li komencis sian ĵurnalistan karieron en 1899, per eseoj pri beletro. En la sama jaro li publikigis la unuan rakonton.

En 1902 li klopodis eniri diplomatian karieron, sed baris al li la vojon la ministro pri Alilandaj Rilatoj, kiu asertis, ke João ne konvenas por tia posteno, ĉar li estas mulato, dika kaj samseksema. João do decidis dediĉi sin plenanime al verkado de artikoloj por pluraj gazetoj.

En 1904, li verkis serion da gazetraportoj, titolitan *La religioj de Rio* kaj samjare eldonitan libroforme, kiu sukcese vendiĝis. Ankaŭ en 1904, li komencis verki la raportserion *Malriĉuloj — Inter almozuloj*. Kune kun aliaj raportoj, ĝi konsistigos la volumon *La ĉarma animo de l' stratoj*, el kiu estas ĉerpita la raporto *La ĉefideoj de karceruloj*.

En 1905 li unuafoje kandidatiĝis al la Akademio pri Beletro, sed ne elektiĝis. Li ankaŭ komencis serion da prelegoj pri diversaj temoj. Dum la sekvaj du jaroj li verkis siajn du unuajn teatraĵojn, abunde publikigis en gazetoj kaj denove sensukcese kandidatiĝis al la Akademio (1907). En 1908 li publikigis la volumon *La ĉarma animo de l' stratoj*. En 1910 li fine sukcesis fariĝi akademiano.

Dum la sekvaj jaroj, João do Rio regule publikigis multajn artikolojn, kronikaĵojn, rakontojn kaj eseojn kaj ankaŭ plurajn teatraĵojn kaj tradukojn. Li aktive partoprenis la politikan vivon de la juna Brazila Respubliko.

La 23-an de Junio de 1921, João do Rio misfartis en la redaktejo de la ĵurnalo *La Patrujo*, kiun li fondis en 1920. Li mortis samtage en taksio, traveturante la kvartalon Kateto de la ĉefurbo. Lian entombigon ĉeestis proksimume cent mil homoj, sed ĝin plejparte ignoris la oficialaj organoj.

Li postlasis plurajn nepublikigitajn tekstojn, el kiuj nur parto eldoniĝis en 1932. La cetero perdiĝis.

La stilo de João do Rio estas ĉarma, facile legebla, ofte kun trafaj psikologiaj rimarkoj, sed ankaŭ ofte supraĵa. Tamen, malgraŭ sia danda eksteraĵo, li aŭdacis frekventi kaj realisme priskribi la mondon de proletoj, amoristinoj, almozuloj, drogŝakristoj kaj arestitoj. La leganto certe rimarkos multajn similaĵojn inter la tiamaj malliberuloj kaj la nuntempaj. Kaj la similaĵoj ne fontas el simpla koincido...

[1][joAŬN PAŬlo alBERto koELjo baRREto].

Kelkfoje, dum promeno tra la korto, konversaciante kun Obed Cardoso[1], mi vidis elegantan D-ron Saturnino de Matos[2] preterpasi, kvazaŭ ielesencele. Kaj, post kiam mi rigardadis D-ron Saturnino, oni fingromontris iun vestitan per la institucia blukatuno, kun metalnumero sur la talio, negravan ŝteliston aŭ simplan murdinton, kies modela konduto transformis ilin en servistojn, mi forlasis ĝentilan Obed kaj ekĝuis la slangon de tiuj interesaj floroj de friponeco.

En la arestejo ekzistas ekzemplaj rekrimuloj kaj kuriozegaj psikologiaj kazoj. Noktomeza Serĝento, timinda ŝtelisto, iaspeca transformisto de abomenaĵoj, apenaŭ trapasinte la sojlon de la ĝardeno, kie dormas krimo, fariĝas ia ŝafido-artisto, iaspeca mezepoka monaĥo. Enĉeligite, tuj li rekomencas sian arton de panmolaĵo. Li faras florojn, pupojn, sanktulojn, bestojn; ilin li pentras, rigardadas, vendigas. Li ŝajnas rebonigita. Ĉiuj tamen scias, ke, liberigite, Serĝento ne rezistis la tenton invadi aliulan domon. La "poŝfiŝistoj", tie sendanĝeraj, tiel certas, ke ili plu ŝtelos, ke Variola Braga diris al mi:

— En la tago de mia liberiĝo, mi eniros tramon kaj *purigos* la unuan monujon trovitan.

# Tradukis: Francisco S. Wechsler

— Sed malfacilas.

— Por artokonanto ne ekzistas malfacilo. Mi laboras ekde mia infanaĝo, kaj instruis min Jozeĉjo.

— Do montru vian arton.

— Kun la permeso de Via Moŝto, mi elprenos du ducentrejsajn biletojn, kiujn s-ro Obed ĵus metis en pantalonpoŝon.

Ĉe la alia ekstremo de la ĉambro, Obed, sen ke neniu rimarkus, ĵus kalkulis sian monon kaj metis ĝin en pantalonpoŝon. Variola, tremanta, kun palpebrumantaj okuletoj, daŭre esprimis tie siajn krimajn rimarkojn. Banditoj, murdistoj, kiel Karloĉjo kaj aliaj, rekrimuloj, kondamnitaj al tridek jaroj, esprimas la certecon, ke ili daŭrigos ekstere sian antaŭan vivon. Karloĉo eĉ diris iam al mi:

— Dio nin provas, sen en inferon ne ŝovas!

Jen maksimo multe pli profunda ol ĉiuj verkitaj por erudicia amuziĝo de forpasinta Markizo de Marikao[3].

La arestejaj sciencistoj vidus en tio solvendan problemon, la problemon korekti krimulon. Unu el ili, al kiu mi rakontis la cinikecon de la rekulpuloj, asertis al mi:

— Necesas apliki la anglan metodon, akumulajn sentencojn, sistemon de kreskantaj punoj, kies daŭron oni kalkulas per la proporcio de rekulpiĝoj. Arestito kondamnita pro ŝtelo, kiu ripetas sian krimon, ricevas duoblan punon; kriminte triafoje, li ricevas trioblan punon, kaj tiel plu. Tio forigus la difekton de la leĝo, la defendoŝildon de ŝtelistoj, kiu per siaj admirindaj artikoloj liveras ĝeneralecon de puno al ĉiaspecaj elturniĝoj. Legu d-ron Monat[4], antaŭan ĝeneralan estron de la arestejoj en Hindujo; legu Baker[5], laikan juĝiston en Glostro[6]; legu Browne[7]. Ili pruvas, ke la nombro da rekulpiĝoj malkreskis tra tuta Anglujo.

Aliaj perdiĝis en konfuzaj frazoj, parolante pri la urĝa neceso reformi nian arestosistemon kaj efektivigi la du nedubeblajn rimedojn por korektado: moraligi kaj timigi. Mi trovis pli interesa la studadon de la ideoj kaj animstatoj de la arestitoj.

La arestitaro havas komunajn ideojn. La unua, fundamenta, neŝancelebla, estas la ideo pri monarĥeco. Kun maloftegaj esceptoj, eble neekzistantaj, ĉiuj arestitoj estas radikalaj monarĥistoj. Monfalsistoj, bruligistoj, murdistoj, ŝtelistoj, banditoj, malŝatindaj virinoj, estas fervoraj apostoloj de resurtronigo[8]. Ili ne parolas, ne faras *meetings*[9], ne verkas artikolojn kiel D-ro Cândido de Oliveira[10] aŭ ŝtatkonsiliano Andrade Figueira[11] — ili sentas tiun amon intense, ne sciante ĝian kaŭzon.

— Ĝustatempe: kiuspecan registaron vi preferas? Ili ridas, iom sinĝenaj.

— Mi preferas monarĥecon.

— Kial?

Jes! Kial senfaruloj el la kvartalo Sano[12], vagabondoj neplenaĝaj, dudekjaraj junulinoj, kiuj ne povas rememori la pasintan reĝimon, estas monarĥistoj? Kial lertaj ŝtelistoj preferas Lian Reĝan Moŝton ol D-ron Rodrigues Alves?[13] Jen mistero, kiun klarigi eblas nur per la sango mem de tiu raso, sango plena de ribeloj kaj samtempe servutema; sango avidanta ekkrii *vi ne rajtas!* sed deziranta havi la garantion de porĉiama sinjoro.

Kurioza fakto estas, ke, por tiuj homoj, el alia flanko de la socio, ne sufiĉas pensi, necesas ankaŭ montri la markon de siaj opinioj surkorpe. Maloftegas la karceruloj, kiuj en la arestejo ne ricevas tatuojn; maloftas tiuj, kies tatuoj — lacertoj, koroj, sirenoj, steloj — ne inkluzivas surbrake aŭ surbruste la imperian kronon.

Alia ideo estas la kredo je Dio — vere pia obsedo. Preĝi, peti de Dio sian savon, pendigi sanktaĵetojn sur la kolo, teni inter siaj paperoj sanktajn bildojn, ne signifas, verdire, reboniĝon.

Homoj kiel Karloĉjo aŭ Kardoĉjo krucosignas je ellitiĝo kaj mortigas homon post kelkaj horoj; Serafim[14] Bueno, abomeninda krimulo, blinde fidas miraklojn kaj Nian Sinjoron[15]; Ekzekutisto, fripona ŝtelisto, tremas, kiam oni mencias ĉielpunon — sed neniu el ili reboniĝas. Dio estas nur la savanto de iliaj surteraj friponaĵoj, des pli ĉar ne ekzistas murdokrimulo, sur kies dekstra mano ne montriĝas, tatue, la kvin vundoj de Kristo[16]. Ĉu vi scias, kiel ili interpretas tiun signon?

Ili pie interpretas, ke, per mano helpata de tiel potenca simbolo, oni ne vangofrapegas ulon sen faligi lin surgrunden!

Tiuj kompatindaj estuloj estas ordinaraj. Troveblas tamen veraj mistikobsedoj, kiel tiu de fana-



Rondirado de Karceruloj (1872)
Gravuraĵo de Gustave Doré (1832–1883), sur kiu baziĝas pentraĵo de Van Gogh (1890)

tika fripono Afonso Coelho[17]. Afonso skribas ĉiutage fervorajn leterojn pri reboniĝo; preĝas, sendas insultleterojn al aliaj karceruloj, riproĉante ilin pro ilia malforta fido. En ĉiuj leteroj troviĝas bedaŭrindaj skriberaroj kaj inspiro de miraklo. Tamen samtempe Afonso Coelho elfosas el sia kompatinda cerbo fuĝrimedon. Li havigas al si fajlilojn kaj tranĉas ferstangojn. La administranto, atentema, movas lin en alian ĉelon, tuj kiam kompletiĝis la tasko. Li iras al tribunalo, kaj, survoje, ankoraŭ en la arestejo, sin ĵetas tigrece, klopodante transgrimpi pordegon. La gardistoj bezonas tiri lin je la kruroj kaj lukti kun li, brakon kontraŭ brako. Li elpensas fuĝplanojn, skribas instrukciojn al amikoj, ke ili malfermu pordojn ĉe muro, interkonsentas pri strangaj fuĝoj. La administranto tenas multajn el tiuj leteroj, interkaptitaj laŭ ordono lia. Lastatempe, vizitate de ĵurnalisto, kiun li honoras per interparolo, post kiam li diskutis siajn rajtojn, kaj fuŝparolis pro sia vanta manio montri sin inteligenta, fine diris:

— Ba, amiko, mi jam estas tro multe konata ĉi tie. Elirinte, mi vojaĝos al Eŭropo. Tie la laborkampo pli vastas.

Kaj, plena de dolĉeco, dum lia ruzeco malespere batiĝas kontraŭ la ĉelkradojn, tiu sama homo revas pri la Virgulino, batas al si la bruston kaj kredigas al naivuloj aŭ al interesataj reformistoj, ke li estas sanktulo survoje al Damasko[18].

La tria ideo, preskaŭ obseda, estas la gazetaro. Kelkaj timas ignori ĝin, kelkaj ŝajnigas ignori ĝin, kelkaj atendas ĝin senpacience. Ĵurnalo estas la taga rakonto pri alia vivo, plena de suno kaj libero; ĝi estas la rimedo por informiĝi pri la aresto de malamikoj, pri la opinio de la mondo pri ili. Ne troveblas ĉelo sen ĵurnaloj. *Reporter*[19] estas por tiu malsupera gento la memstara aŭtoritato, same necesa kiel monarĥeco kaj ĉielo. Anonci *reporter* en la ĉelgalerioj estas ĝisfreneze eksciti la karcerulojn. Unuj etendas paperojn, kiuj pruvas ilian senkulpecon; aliaj ekkrias, ke la lokaj noticoj eraras, aliaj sin kaŝas, timante rekonon, kaj rondiras infera bruego, angoro de okuloj, de kripetoj, de mizero… La krimuloj akuzataj pri gravaj vundoj, kun multaj mortoj en sia konscienco, estas nature venĝemaj kaj bone konas la *reporters*. Tamen, malgraŭ la kruelaj noticoj, neniam unu el ili aŭdacis provi atakon. José[20] do Senado petas:

— Mi ja kalkulas pri ĵurnalistoj. Vi kruelis, ĉar vi ne sciis…

Karloĉjo tiutage diris kompletan frazon:

— Mi scias, ke ja vi aŭtoris tiun riproĉegon kontraŭ mi, en via ĵurnalo. Tamen mi estas venĝita. Se mi ne ekzistus, vi ne skribus tiom multe.

Aliaj rampas, kiel bigotulinoj antaŭ altaroj de indiferentaj sanktuloj.

— Ne skribu pri mi, s-ro *reporter*; lasu mian nomon trankvila, ne skribu!

Kaj la sekvan tagon ili tralegas freneze la ĵurnalon por vidi sian famon nigri sur la potenca papero.



La arestejo de rio (1910)

Eĉ ekzistas karcerulo, Antônio F.[21], kiu transdonis al mi psikologian artikolon el gazeto. Antônio opinias, ke, kvankam la rolo de gazetoj estas eduki popolojn, eĉ instrui homojn iĝi bonaj geedzoj, tamen niaj ĵurnalistoj amasigas ĉion misan, idiotan kaj senenhavan. “Nenion!” li ekkrias; “nenion bonan alportas al la nobeloj aŭ al la popolaĉo tiaj banalaĵoj! Nenion! Kiom do ili valoras? Neniom!… Kaj neniom, neniom kaj neniom, milionojn da fojoj neniom, jen ripetiĝos la eĥo de la rivero Plato ĝis Parao[22], se oni ne korektos la grandan forton.”

La kvara ideo, la lasta, estas la fiksideo, la konstanta ideo de ĉiuj karceruloj — eskapi, liberiĝi, moktrompi la arestejon, reatingi liberon. La rekulpuloj tiom konas juraĵojn, kiom karceradvokatoj; ili konas ĉikanojn, leĝartikolojn, kalkulas sian arestodaŭron, peticias por *habeas-corpus*[23], subskribas deklarojn pri la senkulpeco de aliuloj, por ke la aliuloj subskribu egalajn deklarojn, ili vivas en eksterordinara nervostreĉo. La religio,

kiu donas al ili esperon, la ĵurnalo, kiu memorigas ilin pri la stratoj, ekflamigas tiun deziron, kaj ĉefe la liberdeziro ŝanĝas la humoron de la karceruloj, kaj igas ilin frekventi la solĉelojn, kaj faras ilin jen gajaj, kun ekstrema bonkoreco, jen malkvietaj kaj terure malicaj.

Tiuj kvar komunaj idealoj de la karceruloj igis min supozi regnon estratan de ili. Porĉiama reĝo regus siajn subulojn, pro Dia volo. La subuloj ĝuus la rajton fari ĉiaspecajn frenezaĵojn, fidante Dian protekton, kaj la gazetaro daŭrus nesentema en sia laŭdinda rolo krei famulojn. Ĉu tio estus tre kurioza? Ĝi estus preskaŭ la sama afero kiel normalaj registaroj — kun la sola diferenco, ke la polico restus arestita, pro antaŭgardo. Jen kiel samas la ideoj de popolamaso, ĉu krimula, ĉu honesta!

Notoj

[1][oBED karDOzo]. Verŝajne temas pri certa advokato, kiu defendis arestitojn.

[2]Inĝeniero Saturnino de Mattos kaj lia edzino estis arestitaj en 1904 pro la ŝtelo de kesto kun 805 milionoj da rejsoj, apartenantaj al Brazila Centra Fervojo. Tiu ĉi sumo valoras proksimume 7 milionojn da nuntempaj realoj.

[3]Mariano José Pereira da Fonseca [mariAno ĵoZE peREJra da fonSEka] (1773–1848) estis brazila politikisto, verkisto kaj filozofiisto. Lia plej fama verko nomiĝas *Maksimoj, pensoj kaj konsideroj*. Marikao estas apudmara municipo, proksima de Rio.

[4]Verŝajne temas pri la raporto de D-ro Frederick J. Monat [FREderik ĝej MOŬnat], angla kuracisto, publikigita en 1872.

[5]Thomas Barwick Loyd Baker [TOmas BARŭik lojd BEJka] (1807–1886), angla juĝisto, proponis, ke sentencoj sekvu sciencan principon, nome ke ilian daŭron oni kalkulu surbaze de la antaŭa konduto de la arestito, ne surbaze de la krimfieco.

[6]Urbo (Gloucester) en Anglujo.

[7]Verŝajne temas pri T. L. Murray Browne [ti el MOri braŭn], kiu proponis, ke lokaj policanoj kunlaboru pri la rebonigo de eksarestitoj.

[8]La respublika reĝimo en Brazilo komenciĝis la 15-an de Novembro de 1889, kiam ŝtatrenverso detronigis la imperiestron, do proksimume 16 jarojn antaŭ la publikigo de ĉi tiu artikolo.

[9][MItings]. Angle: *mitingojn*.

[10]Cândido Luiz Maria de Oliveira [KANdido luIS maRIa de oliVEJra] (1845-1919), brazila politikisto kaj fervora monarĥisto.

[11]Domingos Andrade Figueira [doMINgos anDRAde fiGEJra] (1834–1919), brazila politikisto kaj fervora monarĥisto.

[12]Apudmara proleta kvartalo, situanta proksime de la centro de Rio.

[13]Francisco de Paula Rodrigues Alves [franSISko de PAŬla roDRIges ALves] (1848–1919), tiama respublika prezidanto de Brazilo.

[14][seraFIM].

[15]T.e., Jesuon Kriston.

[16]Temas pri vundoj, kiujn Jesuo suferis dum sia krucumo.

[17][aFONso koELjo].

[18]Laŭ la Nova Testamento (Akt. 3–18), dum sia vojaĝo de Jerusalemo al Damasko, Saŭlo estis blindigita de forta lumo kaj aŭdis la voĉon de Jesuo. Tial li kristaniĝis kaj fariĝis la grava apostolo nomata Paŭlo.

[19][riPORter]. Angle: *ĵurnalraportisto*.

[20][ĵoZE].

[21][anTONjo efe].

[22]Norda ŝtato de Brazilo.

[23][HAbeas KORpus]. Latina esprimo, kiu nomas jurinstrumenton por protekti akuzatojn kontraŭ arbitraj arestoj.

# La strigoj

**Caio Fernando Abreu**
**Tradukis: Fernando Pita**





*N.T.:* Caio Fernando Abreu (Santiago, 1948 — Portalegro, 1996) estis brazila ĵurnalisto, teatraĵisto kaj verkisto, unu el la elstaruloj de sia generacio. Lia verkaro, skribita en ekonomia kaj tre persona stilo, parolas pri sekso, timo, morto kaj, precipe, pri korprema soleco. Ĝi prezentas dramecan vidpunkton pri la aktuala mondo kaj tial oni konsideras lin "fotografisto de la nuntempa diseriĝo".

Caio F. Abreu studis Beletron kaj Scenartojn ĉe la Federacia Universitato de Sud-Riogrando (UFRGS), kie li estis kolego de João Gilberto Noll. Sed li forlasis ambaŭ kursojn por eklabori kiel ĵurnalisto por diverstemaj magazinoj kiel *Nova*, *Manchete*, *Veja* kaj *Pop*, krom kontribui al la ĵurnaloj *Correio do Povo*, *Zero Hora*, *Folha de S. Paulo* kaj *O Estado de S. Paulo*.

En 1968, persekutate de la Departemento pri Ordo Politika kaj Socia (DOPS), Caio rifuĝis en bieneto de amikino, la verkistino Hilda Hilst, en Kampino, ŝtato Sanpaŭlo. Komence de la 70-aj jaroj, li ekziliĝis dum unu jaro en Eŭropo, kaj vivis en Hispanio, Svedio, Nederlando, Anglio kaj Francio.

En 1874, Caio revenis Portalegren. En 1983, li translokiĝis al Rio kaj, en 1985, al Sanpaŭlo. Invitite de la *Domo de l' Alilanda Verkisto*, li reiris al Francio en 1994, sed revenis al Brazilo en la sama jaro, post kiam li trovis sin aidosulo. Caio ĉiam estis klare kaj deklare gejo, eĉ dum la diktatoreca reĝimo de Brazilo. Unu jaron poste, Caio revenis al la gepatra domo, kaj dum tiu tempo li sin dediĉis al ĝardenado, zorgante siajn rozujojn. Li mortis en 1996, lasinte grandan verkaron konsistantan el internacie premiitaj libroj, teatraĵoj, ĵurnalistaj intervuojn kaj artikoloj.

Lia rakonto *Strigoj* rememorigas fakton el lia infaneco, sed samtempe anoncas tiujn strigojn, kiuj lin akompanos tra la vivo.

*Al miaj gepatroj Zael kaj Nair*
*Kaj miaj gefratoj José Cláudio, Luiz Felipe,*
*Márcia kaj Cláudia*

## Enkonduko

Ili havis enigan rigardon, de tiuj kiuj rigardadas fikse kaj skuas la kapon, gestantaj kvazaŭ dum penetrado ili irus trofunden, konsentantaj, refleksataj. Ili fikse rigardadis, kun la pupiloj perditaj tra la flaveca spaco de l' orbitoj, kaj mutaj ili konsentadis. Kun la humiliga saĝeco de tiuj, kiuj perceptas aferojn apenaŭ suspektatajn de l' aliaj. Ni neniam sciis la konkludojn, al kiuj ili alvenis, sed oblikve ni cirkaŭrigardadis, en malfido, kiu finiĝis nur per ia gesto aŭ vorto ne ĉiam oportunaj. La fakto estis, ke ni sentis timon, aŭ eble ian grandan respekton, de tiu, kiu sin vidas malsupera antaŭ aliaj estuloj, pli fortaj kaj neklarigeblaj. Timon pro manko de alia vorto por pli trafe difini tiun gliteman senton ene de ni, ŝtelfuĝantan al angulo de la konscio, el kie, suspektema, ĝi kaŝobservis. Kaj ni do eniris la vojon de l' facilo, klopodantaj mildigi tion, kio tute ne estas milda. Rifuzante al ili la misteron, ni neis ankaŭ nian propran timon kaj senprobleme etikedadis ilin "neraciaj", lasante ilin al la kruda mondo, al kiu ili devige apartenas. Al la ena mondo, el kie ili ne povas aŭdaci defii nin konante ion tute nekonatan de ni. Ĉar, vantaj, ni ne permesus, ke ili vidu aŭ sentu trans siajn limojn. Kondiĉitaj al siaj malaltaj

korpoj, kun grizaj plumoj kaj tri ungoj preskaŭ ridindaj pro ilia deviga agresemo — kondiĉitaj al sia provizoreco, ili ne povis havi pli ol tion, kio al ili estas permesata de ni, homoj.

### La alveno

Ili alvenis frumatene, la dormanta domo pigre rifuzis ilin akcepti en sian ĉiutagecon. Nur la servistino ellitiĝis inter grumbloj por malfermi la pordon. Ŝi senemocie ilin akceptis dum sia dormemo, per la kaĝo kie ili estis. La viro, kiu ilin alportis petis interŝanĝe nur sapon. Mi ne scias, ĉu ili eksciis tion — eble ne — ĉar eble, tiu avara kontraŭpago ŝancelus ilian fieron, mildigante ilian aŭdacon fiksrigardi nin. Surtable, apogante sin unu sur la alia, en senforma amasiĝo, griza kaj timema, kie ankoraŭ ne distingiĝis la flava krio de l' okuloj, pacience ili atendadis la mateniĝon kaj ke la vekiĝintoj venos ĉirkaŭi ilin per surprizoj kaj ektimoj. Sed mia patro ne atentis ilin. Li ilin konstatis kaj preterpasis, irante banejen. Panjo ridetis al ili, provante la unuan kareson, rifuzitan eble pro ilia malsperto pri amelverŝo. Sed ŝi ne funde penetris ilin, kaj aligis ilin sendanĝeraj al sia sengarda disdonado de bonkoraĵoj.



La infanoj hezitis la unuaj, en retropaŝo kiu estus ofenda se farita al plenkreskuloj. Infanoj interŝanĝis miregojn pri la strangeco de l' bestoj neniam antaŭe viditaj. Ĉar ili ekzistis de antaŭ pli mallonge, ili eble estis la plej atingeblaj fare de la mistero. La konstanta, lanta kaj seniluzia vivado de la aliaj, kutimiĝintaj al malmildeco, ne povis per rektaj vojoj subiĝi al la petado de iliaj okuloj. Sed la sensperteco de l' infanoj alportadis ilin al la ekstremo kontraŭa, malrespektante la bestojn en ilia individueco, senceremonie venigante ilin al sia mondo de ludiloj. Ili demandis la servistinon, okupitan de kafpreparado, pri ilia nomo.

*Strigo* — jen la seka, indiferenta respondo, kvazaŭ ili estus sukerpako.

Ŝajne kontentaj, la infanoj absorbiĝis je ilia dorlotado per duonbruska tenero. Tiu sama donata al novaj pupoj, kiuj post nelonge kuŝis kun disrompitaj brakoj kaj kruroj tra la korto. Tiu brutala tenero kiu detruas per mallerta troigo de amo. Al mi restis la konsolo esti la unua, kiu identigis ilin tiaj, kiaj ili vere estas. Aŭ tiaj, kiaj mi ilin vidis, dubante ĉu la vidado de la aliuloj estas pli ĝusta, profunda aŭ kuraĝa.

La jam suprenirinta matensuno devigis ilin malfermi la okulojn kaj esplori la ĉirkaŭon. Mi kredas, ke la blankeco de la kuirejaj kaheloj surprizis ilin, ĉar baldaŭ ili rekaŝis sin, fremdaj. Alkutimiĝintaj al vastaj ĉieloj kaj kampoj dum tutaj tagoj trakuritaj, ili preferis reciproke serĉi tiujn perditaĵojn en la varmeco de siaj korpoj. Praktika persono, mia patrino informis: ili estas tre taŭgaj por manĝi blatojn. Kaj konsciaj pri sia interrompita libereco, ili atendis la taskon al ili destinitan.

### La bapto

Baldaŭ ili marŝadis tra la tuta domo, senvualigante sekretojn. La infanoj tenadis ilin, lulante ilin kiel siajn bebojn. Senatende, subite, oni renkontis la flavan fiksan rigardadon de unu el ili — ĝenan, demandan, konsternan. La muta akuzo igis min priesplori angore min mem, serĉante erarojn. Kaj mi renovigis min, por ree prezenti min al ili, ĵusbanita, kun la ungoj tonditaj, la barbo razita, la haroj kombitaj — en la iluzio, ke la ekstera pureco kaŭzus ian aproban signon. Sed mi sciis — kvankam, obstine, ĝis la lasta minuto rifuzis la konvinkiĝon — mi sciis, ke ilia vidado trapasas vestojn, karnon, muskolojn kaj ostojn ĝis ĝi fiksiĝas en profundegan ejon, kies enhavon mi mem ne konas. Hontante mi akceptis ilin, sed mi hezitis montri min al ili, kiel krimulo neanta sian krimon ĝis la fina pruvo de la faktoj. Mi observadis la deturnitajn rigardojn de la adoltoj,

kaj ankaŭ deturnis la mian, ronddancante kun ili en la sama neado.

La infanoj disputadis ilian posedon, ĝi estas mia, ne, mia, panjo!, Cláudia volas alproprigi la strigojn, sed tiuj ĉi indiferentis, sciantaj sin por ĉiam neposedataj, nedeĉifreblaj. La infanoj ankaŭ disputadis la privilegion bapti ilin, nesciante, ke sennomeco estas parto de ilia naturo. En tiu nescio, ili nomis ilin Tutuka kaj Telekoteko. Mi palpebrumis al ambaŭ, ridante pri tia naiveco provi penetri ilian intimecon, ĉiufoje pli kaj pli forbaratan. Ofelio kaj Hamleto, sugestis evidenta leganto ŝekspira. Sed mi denove ĉi tiujn rifuzis. Sekrete, mi pledadis por mi ilian bapton kaj posedon, esploradis almanakojn serĉante la nomon, kiu pli bone akordos. Doni al ili iun nomon estus ekpaŝi survoje al ilia kono, kvazaŭ subtile mi muldus ilin laŭ mia maniero ilin deziri. Finfine mi trovis. Jen la nomoj de strangaj kreaĵoj, nedeĉifreblaj kiel ili mem, jam perditaj ene de la tempo, ĝis hodiaŭ misteraj. Rasputin kaj Kasandra. Mi silentis pri tia malkovro, mi kaŝis la bapton, pli kaj pli alpropriigante ilian naturon, kvankam nekonscie mi sciis la senutilecon de ĉio. Rasputin estis pli malgranda, pli facilmova, ĝi lante marŝadis sur la pargeto, kun okuloj ĉiam malfermitaj, surprize trafante la seĝapogilojn per malalta ekflugo. Kasandra serĉadis la mallumajn angulojn, kun la okuloj ĉiam duonfermitaj, maletendita kruro, sinteno de pendanta-vizaĝo-kaj-pensema-mieno.

## La malsato

Post la unuaj tagoj, ili komencis rutiniĝi. Fojfoje mi ankoraŭ kaptis min fiksrigardanta ilin en duelo de misteroj. Mi, zorge kaŝante la mian, feroca en ĝia defendado, tamen estis ĉiam la unua, kiu deturnis la okulojn. Mi rifuzis tuŝi ilin. Ilia korpa supleco varme, indiferente, pasis de mano al mano, kiam ĉeestis vizitantoj. Kaj nur en tiaj situacioj ili ree eksurprizis. Ili honeste plenumis sian taskon vori blatojn, sed rifuzis ajnan alian nutraĵon. La viro, kiu ilin alportis, informis panjon pri ilia orgojlo: vundite en sia libereco, ili ĝismorte malsatstrikos. Pro ilia baldaŭa sinmortigo, oni planis liberigi ilin en kamparo.

Mi preskaŭ povis vidi ilin leĝere sin levantaj en timida flugo, provante sian forton, kun la flugiloj malfermiĝantaj en lanta supreniro. Fanditaj en bluo, suprenirantaj, suprenirantaj.

La tonditaj flugiloj, tamen, postulis tempon por denove kreski. Ni estis devigataj atendi. Mi deziris komuniki al ili ilian baldaŭan liberiĝon, sed mia senefikeco en gestoj kaj vortoj izolis min en muteco nekomprenebla por ili. Ni estis nepre senkomunikaj. Mi, homo; ili, bestoj. Strigoj, eĉ se sekrete baptitaj. Kasandra kaj Rasputin. Ofelio kaj Hamleto. Tutuka kaj Telekoteko. Iu ajn nomo ne ŝanĝus ilian naturon. Neniam. Strigoj por ĉiam.

Sed la malsatstriko persistis. Ili tiel bone plenumis sian taskon manĝi blatojn ke, baldaŭ, mi kredas, neniu plia restis. Orgojlaj, ili promenigis tra la tuta domo siajn malplenajn stomakojn, ni kulpeme nin interrigardis, kun la manoj dezertaj je solvoj. Ni nenion pli povis fari krom atendi. Ilian morton aŭ kapitulacon. Kiu vidus ilin memfidaj malsate paradi, tiu facile povus imagi ilin portantaj protestafiŝojn. Kontraŭ kio? Kontraŭ kiu? Ni nin demandis, timante la evidentan respondon.

## La fino

En la komenco de mateno sensuna, egala al tiu, kiu alportis ilin, Rasputin estis trovita senviva. La malgranda kaj griza korpo, jam rigida, kuŝis sur la malvarmaj mozaikoj de la kuirejo. Mi deturnis la okulojn sen nomi la senton kiu invadis min. Kuntirita en sia angulo, Kasandra pli kaj pli malgrandiĝis. Kun la okuloj forte fermitaj, mi havis la impreson, ke fojfoje ŝia korpo balanciĝas, kvazaŭ grestigo ventblovata, preskaŭ rompita. Finfine, ankaŭ ŝi mortis. Digna kaj sola, eble virga. Oni entombigis ŝin ĉe la fundo de la korto, kelkaj jasmenoj estis ĵetitaj sur la malprofundan kavon manfaritan.

Mi ne eliris por vidi la tombon. Mi ne scias, ĉu teruris min la mistero densigita aŭ tiu porĉiame malfarita.



# Kvar poemoj

## Paulo Nascentes

### Pluvofluo

finfine pluvas
vivo vigle printempas
viglo vive sentempas
samtempe sereno
samtempe tempesto

verdo revenas al nesto
io venenas — foresto
ĉu io ĝenas — marĝenas
sed kio silente festas?
Esto,
Ĉeesto, kiu estas!

vigle vivo saĝas
mia koro ne aĝas
senage agas senprave pravas
kiu atente atestas?
kiu foriras? kiu restas?

rigardo singardas
emocio invadas
mildeco kaj ardo
en brusto
frustro sin lavas
okuloj larme pluvetas
vivo moviĝe pluvadas
plivigle pluvegas
sekeco ne plu
naturo jam regas
eĉ verdas la blu'
— mia vivo, mia flu'!



### Per versoj

per versoj persvadi
poezie jam li penis
pervorte post revado
al poezio li revenis
persekuto ekaperis
li tamen ne komprenis
ŝtelon imagis menso
stela fariĝis l' esenco

### Saĝo

nekonvinkite pri homa nescio
saĝulon li malsaĝe imitis.
Kormove belinon li invitis
ludi ame.
Amante vere
ili ja saĝiĝis
same.

### Fugo en D maĵora

jen poemo kaj jen fugo
kaj sonato kaj not-kanto
mi faras tiom da bruo
preskaŭ aŭde vidas mi:
bruon en konversaci'
murmuron inter linioj
ekaperon de l' tagiĝo
el haŭto mia, ruĝiĝon
ĉe dom-blok' jen amantoj
kaŝite sonoras ĉio
videbla bruo fariĝas
dubindas son' de poem'
eskapas la tem' forfuga
sonato fuĝanta de l' tem'
sur tempovizaĝ' — jen sulko.

# Ridu, se vi povas!



### Maljuneco

Tri maljunulinoj sidas en restoracio, diskutante siajn sanstatojn.

Unu sinjorino diras: "Ha, mi fariĝas tre forgesema. Ĉi-matene mi staradis sur la supro de la ŝtuparo, kaj ne sukcesis rememori, ĉu mi ĵus supreniris aŭ estas subironta."

La dua sinjorino diras: "Ĉu vi trovas tion malbona? Pasintan tagon mi sidadis ĉe la rando de mia lito, kaj ne sukcesis rememori, ĉu mi estas ekdormonta aŭ ĵus vekiĝis!"

La tria sinjorino ridetas memkontenta. "Nu, mia memoro estas tiel bona, kiel antaŭe, do mi frapu lignon" diras ŝi, perkutante la tablon. Tiam, mienante surprizon, ŝi demandas: "Kiu frapas la pordon?"

### Futbalo en Paradizo

Du maljunuloj, Abraĉjo kaj Saloĉjo sidadas sur benko en parko nutrante kolumbojn kaj parolante pri futbalo. Abraĉjo sin turnas al Saloĉjo kaj demandas: "Ĉu vi opinias, ke oni futbalas en Paradizo?"

Saloĉjo pripensas tion dum minuto kaj respondas: "Mi ne scias. Sed ni interkonsentu: se mi mortos la unua, mi revenos kaj sciigos vin, ĉu oni futbalas en Paradizo, kaj se vi mortos la unua, vi faros la samon."

Ili interkonsentiĝas, kaj, bedaŭrinde, post kelkaj monatoj, Abraĉjo forpasas. Baldaŭ poste, Saloĉjo sidas en la parko, nutrante la kolumbojn sola, kaj ekaŭdas voĉon flustri: "Soloĉjo… Soloĉjo…"

Saloĉo reagas: "Abraĉjo! ĉu estas vi?"

"Jes, Saloĉjo", flustras la spirito de Abraĉjo.

Saloĉjo, ankoraŭ mireganta, demandas: "Diru, ĉu oni ludas futbalon en Paradizo?"

"Nu", diras Abraĉjo, "mi alportas bonan novaĵon kaj malbonan novaĵojn".

"Diru unue la bonan", diras Saloĉjo.

Abraĉjo diras: "Nu, oni ja futbalas en Paradizo".

Saloĉjo diras: "Mirinde! Kia novaĵo povus esti tiel aĉa, ke ĝi ruinigus tion?"

Abraĉjo suspiras kaj flustras: "Vendrede vi ludos."

### Katolikaj patrinoj

Kvar katolikinoj sidas kaj fanfaronas pri siaj filoj. La unua diras al siaj amikinoj: "Mia filo estas pastro. Kiam li eniras ĉambron, ĉiuj nomas lin Moŝto."

La dua katolikino pepas: "Mia filo estas episkopo. Kiam ajn li eniras ĉambron, ĉiuj nomas lin "Ekscelenco".

La tria katolika patrino ridetas: "Mia filo estas kardinalo. Kiam ajn li eniras ĉambron, ĉiuj nomas lin Eminenco".

La kvara katolikino diras: "Mia nekredeble bela filo estas 190 centimetrojn alta, kun larĝaj kaj muskolplenaj ŝultroj. Kiam ajn li eniras ĉambron, la virinoj ekkrias: "Ho, Dio mia!"

### Maldecaĵoj

Psikanalizisto montras inkmakulon al paciento kaj demandas lin, kion li vidas. La paciento respondas: "Viron kaj virinon seksumantajn". La analizisto montras duan makulon, kaj la paciento konfirmas: "Ankaŭ tio estas viro kaj virino seksumantaj". La analizisto konkludas: "Vi estas obsedata de sekso". La paciento kontestas: "Kial vi diras, ke mi estas obsedata? Vi estas la havanto de tiuj maldecaĵoj".

### Primoj

Intervjuisto aliras diversajn esploristojn kaj demandas ilin: "Ĉu estas vere, ke ĉiuj neparaj nombroj estas primoj?"

La matematikisto refutas la konjekton: "La nombro unu estas primo, samkiel tri, kvin kaj sep, sed naŭ ne estas. Do la konjekto estas malvera."

La fizikisto ne tiom certas: "Unu estas primo, samkiel tri, kvin kaj sep, sed naŭ ne estas. Tamen dek unu ja estas, samkiel dek tri. Ene de la limoj de mezureraro, la konjekto ŝajnas vera".

La psikologiisto diras: "Unu estas primo, samkiel tri, kvin kaj sep, sed naŭ ne estas. Dek unu estas, samkiel dek tri. La rezulto estas statistike signifa."

La artisto diras: "Unu estas primo, tri estas primo, kvin estas primo, sep estas primo, naŭ estas primo. Prave, ĉiuj neparaj nombroj estas primoj!"

# Kriptogramo

## José Saraiva Neto

*Plezure mi organizis facilan, amuzan, interesan kaj instruan vortludon. Klopodu solvi ĝin jene. Unue observu, ke sube kaj dekstre troviĝas fakoj, kelkaj kun numeroj ene. Aliflanke, sube kaj maldekstre videblas difinoj. Post la solvo de tiuj difinoj, ene de la reliefaj fakoj, aperos literoj, per kiuj oni povos formi frazon, kiu temas pri grava Esperanto-evento, okazonta de la 24-a ĝis la 28-a de Januaro, 2014, en Florianopolo, Sankta-Katarino. Por literoj egalaj, numeroj ankaŭ egalaj. Por faciligi la solvon, en la sekva paĝo estas liternumertabelo, kiun oni povas konsulti. En la sekva paĝo ankaŭ estas la kompleta solvo, sed iru tien nur post multe da cerbumado, inkluzive por taksi vian scion pri nia lingvo. La aŭtoro, 96-jara brazila esperantisto, deziras riĉigan sperton pro nia ĉi-jara Kongreso.*

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 01 | *Mezepoka teologo, filozofo kaj poeto.* | 9 | | 4 | 10 | 9 | 12 | 15 | 7 |
| 02 | *Oficiale akceptigi iun, provizante…* | 9 | 8 | | 4 | 15 | 3 | 16 | 3 |
| 03 | *Granda interna lago en Hungario.* | 11 | 9 | 10 | | 16 | 17 | 20 | 7 |
| 04 | *Bizanca generalo (500–565).* | 11 | 4 | 10 | 3 | | 9 | 12 | 7 |
| 05 | *Meti en staton kadukan.* | | 9 | 15 | 6 | 8 | | 19 | 3 |
| 06 | *Itala freŝa fromaĝo.* | 1 | | 17 | 9 | 12 | 4 | | 7 |
| 07 | *Rilata al municipo.* | 1 | 6 | | 3 | 17 | 3 | 14 | |
| 08 | *Metafora parolo, kiu aludas…* | 9 | 10 | 4 | | 7 | 12 | 3 | 7 |
| 09 | *Programlingvo aperinta en 1950.* | 21 | 7 | 12 | 16 | | 9 | 20 | 7 |
| 10 | *Vira nomo.* | | 4 | 5 | 3 | 15 | | 12 | 7 |
| 11 | *Amiko de Aŭgusto, protektanto de Horacio.* | 1 | | 17 | 4 | 20 | 9 | | 7 |
| 12 | *La plej alta monto de Himalajo.* | | 13 | 4 | 12 | 4 | 2 | 16 | |
| 13 | *Latina nomo de Asklepio.* | 4 | | 8 | 6 | 10 | 9 | 14 | 7 |
| 14 | *Vira nomo.* | 17 | 3 | | 12 | 3 | 9 | 20 | 7 |
| 15 | *Malnova formo de fusilo.* | | 12 | 8 | | 11 | 6 | 5 | 7 |
| 16 | *Genro de plantoj kaj plurjaraj herboj.* | 7 | | 7 | 11 | | 3 | 8 | 7 |
| 17 | *Stilformo, per kiu oni kontraŭmetas…* | 9 | 20 | | 3 | 16 | 4 | 5 | 7 |
| 18 | *Specialisto pri filologio.* | | 3 | 10 | | 10 | 7 | 19 | 7 |
| 19 | *Neĝoŝtormo.* | 11 | | 3 | 5 | 9 | 12 | 15 | 7 |
| 20 | *Scienco pri la konduto de animaloj.* | 4 | 16 | | 10 | 7 | 19 | 3 | 7 |
| 21 | *La dua monato de la jaro.* | 21 | 4 | 11 | | 6 | 9 | 12 | 7 |
| 22 | *Unu el la plej altaj montoj de Ĉinio.* | | 9 | 20 | 10 | | 20 | 19 | 7 |
| 23 | *Legenda heroo, kiu forlogis virinojn.* | 15 | | 20 | 18 | 6 | | 20 | 7 |
| 24 | *Ano de Dnepraj kozakoj.* | 5 | 9 | | 7 | 12 | 7 | 19 | 7 |
| 25 | *Germandevena vira nomo.* | | 6 | 15 | | 13 | 3 | 8 | 7 |
| 26 | *Volumeno de ŝipinterno.* | 16 | | 20 | 4 | 10 | 9 | 12 | 7 |
| 27 | *La unua kartezia koordinato (multenombro).* | 9 | 11 | 2 | 17 | 3 | | 7 | 18 |
| 28 | *Genro de arboj, arbustoj kaj herboj.* | 21 | 3 | 16 | 7 | 10 | 9 | | 7 |

## Liternumertabelo por la kriptogramo

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| M | S | I | E | Z | U | O | K | A | L | B | R | V | P | D | T | C | J | G | N | F |

## Solvo de la kriptogramo

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 01 | A | **B** | E | L | A | R | D | O |
| 02 | A | K | **R** | E | D | I | T | I |
| 03 | B | A | L | **A** | T | O | N | O |
| 04 | B | E | L | I | **Z** | A | R | O |
| 05 | **K** | A | D | U | K | **I** | G | I |
| 06 | M | **O** | C | A | R | E | **L** | O |
| 07 | M | U | **N** | I | C | I | P | **A** |
| 08 | A | L | E | **G** | O | R | I | O |
| 09 | F | O | R | T | **R** | A | N | O |
| 10 | **D** | E | Z | I | D | **E** | R | O |
| 11 | M | **E** | C | E | N | A | **S** | O |
| 12 | **E** | V | E | R | E | S | T | **O** |
| 13 | E | **S** | K | U | L | A | P | O |
| 14 | C | I | **P** | R | I | A | N | O |
| 15 | **A** | R | K | **E** | B | U | Z | O |
| 16 | O | **N** | O | B | **R** | I | K | O |
| 17 | A | N | **T** | I | T | E | Z | O |
| 18 | **F** | I | L | **O** | L | O | G | O |
| 19 | B | **L** | I | Z | A | R | D | O |
| 20 | E | T | **O** | L | O | G | I | O |
| 21 | F | E | B | **R** | U | A | R | O |
| 22 | **N** | A | N | L | **I** | N | G | O |
| 23 | D | **O** | N | J | U | **A** | N | O |
| 24 | Z | A | **P** | O | R | O | G | O |
| 25 | **L** | U | D | **O** | V | I | K | O |
| 26 | T | **O** | N | E | L | A | R | O |
| 27 | A | B | S | C | I | **S** | O | J |
| 28 | F | I | T | O | L | A | **K** | O |

